# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia


# Soveta konfeso



En antaŭa ĉefartikolo ni jam parolis pri la ŝtata sklaveco en Sovetujo. Ni scias, ke tiu artikolo kaŭzis ian sensacion ĉe multaj, al kiuj ĝi estis kvazaŭa revelacio. Nia numero estis en malmulte da tempo tute elĉerpita. Oni ja malfacile konjektas, ke tiel mizera stato estas ebla, eĉ en lando, kies reputacio estas tamen malbonfama. La dokumentoj de ni jam donitaj estis oficialaj atestoj Sed oni ankoraŭ povis iomete suspekti, se ne pri ilia aŭtentikeco, tamen pri ilia enhavo, kiu eble estas tro graviganta certe malbonan, sed ne tiel kruelan situacion.

Jen soveta konfeso, kiu certigas la tutan veron de niaj diroj. Ĝin havigas la *Internaciisto,* organo de la klasbatala esperantistaro, en sia julia numero.

La verkinto, iu N. S. Pargaĉevskij, citas sep ĉefajn akuzpunktojn kontraŭ la soveta registaro :

« 1. La sovetaj laboristoj ricevas mizerajn salajrojn.

2. Malsato regas en sovetaj respublikoj.

3. La sovet-registaro estas fakte imperiista.

4. En Sovetujo diktatoras ne proletaro, sed sole komunista partio.

5. La vilaĝanoj, ne dezirantaj obei la mizerigan devigan kolektivigon de agromastrumado, estas mortigataj kaj malliberigataj.

6. La industriigo, la kvinjara plano malsukcesas, fiaskas, kio signifas maltaŭgecon de l' sovetsistemo.

7. La industriigo sukcesas nur, ĉar multajn laborojn (precipe en la arbarindustrio) plenumas malliberuloj kaj devige laborantaj proletoj kaj vilaĝanoj. »

Ni retenos nur la kvinan kaj sepan punktojn, kiuj rilatas nian antaŭan artikolon. Kaj ni vidu nun, kiel respondite estas al tiuj du akuzoj kontraŭ la Soveta Unuiĝo.

Unue Kamarado Pargaĉevskij faras jenajn demandojn, per kiuj li pretendas « trafi desalte la kapitalistajn ŝtatojn ».

Al la demando : ĉu estas vilaĝanoj malliberigitaj en Sovetujo pro malobeo je deviga kolektivigo ? li respondas per alia demando : « Ĉu amerikaj negroj, hindoj, ĉinoj, koreanoj, laborantaj laŭ multjaraj kontraktoj, serbaj kaj bulgaraj, rumanaj kaj hungaraj vilaĝanoj ne estas de la burĝaro kaj terposedantaro ekspluatataj, malliberigataj kaj mortigataj ? »

Pri la demando, ke multajn laborojn plenumas devige laborantaj proletoj kaj vilaĝanoj, li ankaŭ respondas per alia demando : « Ĉu indiĝenoj. laborantaj sur koloniaj plantejoj laŭ multjaraj kontraktoj ne devige kaj ne sklavece laboras ? »

Demandoj ne estas respondoj, Kamarado ! Povas esti bedaŭrinde, ke kelkaj homoj estas ekspluatataj de burĝoj kaj sklavece laboras por terposedantoj en kelkaj landoj. Sed tiu ekspluateco kaj sklaveco *ne estas ŝtata reĝimo, kiel en Sovetujo.* Jen certe grandega diferenco. Kaj ni, katolikoj, kiuj protestss kontraŭ ĉiu ekspluateco kaj sklaveco, ankaŭ rajtas plilaŭte protesti kontraŭ sklaveca ŝtatsistemo.

La demandoj de la redaktoro de la *Internaciisto* entenas do implicitan konfeson : estas en Sovetujo vilaĝanoj kaj proletoj malliberigataj kaj devige laborantaj.

Sed Kamarado Pargaĉevskij poste konfesas pliekspliciite, ke « malliberigataj estas kulakoj (bienposedantoj), pastroj, sektestroj », kaj ke « ili estas devigataj labori ». La aŭtoro « loĝas en arbarekspluateja regiono » ; li ne povas nei la faktojn. Li do « sincere povas diri », ke « efektive, malliberigitoj laboras en lia regiono ». Kaj li aldiras : « Nia konstitucio kaj la laborleĝaro permesas al la registaro dum seriozaj malfaciloj, danĝeroj kaj katastrofoj, devige laborigi eĉ la tutan loĝantaron laborkapablan. » Kaj la plenumado de la kvinjara plano ĉion rajtigas.

Jen konfeso de Sovetano, loĝanta en la sud-orienta parto de Rusujo, t. e. en regiono, kie ne estas ankoraŭ tute organizita la kolektivigo. Ni devas ĝin teni en la memoro.

GEORGES RAMBOUX, *presbitero.*

# LA 3a KATOLIKA INTERNACIA SEMAJNO en Genève

Jen la teksto de la konkludoj legitaj de S-ro Gonzague de Reynold, prezidanto de la Katolika Unuiĝo por Internaciaj Studoj, ĉe la fina kunveno de la 3-a Semajno Katolika Internacia, en Genève, la dimanĉon 20 septembro 1931.

★

Dum tiu 3-a Internacia Katolika Semajno, ni celis studi objektive la gravajn agadojn de la Ligo de la Nacioj, ekzamenante ilin per la lumo de la kristanaj principoj. Ni deziris ekkoni, ĉu estas jen konsento, jen malkonsento, jen almenaŭ marŝo al sama punkto inter unuparte tiuj principoj kaj aliparte la organizo, la agado de la Ligo de la Nacioj.

Nu, nia enketo ebligis al ni fine konkludi ke la Ligo de la Nacioj, malgraŭ siaj hezitoj kaj sia malrapideco marŝas iom post iom tra la maltrankviloj de la politika vivo al la kreado de objektiva internacia juro, konforma en sia ĝenerala tendenco al la postuloj de la kristana pensmaniero, al la postuloj de nia tradicia filozofio.

**I. — Konsento inter la principoj de la Ligo de Nacioj kaj la tradicia agado de la Eklezio.**

La kontrakto de Versailles, diris S-ro Georges Renard, profesoro ĉe Universitato de Nancy, estas *porkreada ĉarto.* Sendube, ĉiu el la ŝtatoj kiuj aniĝas al ĝi, serĉas sian propran bonon. Tamen, ĝi ne serĉas tiun bonon en la malkonsento, sed en la konsento kun la bono de la aliaj. La organizado de la paco inter la popoloj — *formantaj vastan organizajon moralan, laŭ la justeca regulo, kiu montras al ĉiu sian lokon en la komuna bono de la homaro* — jen estas ŝajne, la nova formulo de la internacia juro. Jen estas ankaŭ la nia. Tiu formulo forjetas fakte la koncepton, kiu bazis la internacia juro nur sur la respekto de la traktatoj konsiderataj kiel simplaj kontraktoj inter potencoj liberaj kaj suverenaj, kiel se kontrakto — kiu postulas antaŭa jura regulo — estus la plej grava fundamento de tiu regulo.

S-ro de Halecki, profesoro ĉe Universitato de Varsovio, montris per historiaj faktoj, ke la katolika Eklezio ĉiam klopodis por estigi organizan komunecon de la nacioj. Malgraŭ la militoj, kiuj furiozis en la mezepoko kaj kiujn la Eklezio penis igi malpli sovaĝaj, ĝi parte sukcesis en tiu klopodo : dum tiu epoko ege malkvieta, la Sankta-Seĝo provis malhelpi ĉiun konflikton, pacigis aŭ instigis al pacigo.

En la XVI-a jarcento, tiu aŭtoritato estis malgrandigata pro la postulo de la ŝtatoj al aŭtonomeco kaj plena suvereneco. Alidire, la ideo pri *la komuna bono internacia* estis praktike forigata. Sekve de tio, okazis tiu antagonismo inter la naciaj fortoj, kaj tiu antagonismo estis la ĉefa kaŭzo de la modernaj militoj. En nia tempo nur, pro kontraŭagado kontraŭ tiaj malbonoj, oni komprenis la necesecon refari juran organizajon kreanta la ekvilibron de la rajtoj.

El tiuj du raportoj — tiu de la filozofo-juristo kaj tiu de la historiisto — naskiĝas tri konkludoj kiuj kompletiĝas unu per la alia kaj akordiĝas.

1-e) La ideo pri *la komuna bono internacia* devas esti la bazo de la internacia moderna juro ; la libereco kaj la suvereneco de la ŝtato ne devas esti forigataj sed ordigataj. La forlaso de tiu ideo endanĝerigas la pacon kaj — historio pruvas tion — naskas militojn.

2-e) La ideo, ankoraŭ komuna nuntempe, pri la *plene suverena ŝtato,* pri *la ŝtato sin diiganta mem* (laŭ la doktrinoj de racionalismo en la XVIII-a jarcento aŭ de la Hegel'a filozofio) estas kondamnata de la racio kiel de la faktoj.

3-e) La batalo inter tiuj du ideoj klarigas kial la Ligo de Nacioj trovas ankoraŭ en la organizado de la internacia komunumo tiom da malhelpajoj krom la malsimplaj teknikaj problemoj kiujn ĝi devas solvi.

**II. — La ĉefaj agadoj de la Ligo de Nacioj, el la katolika vidpunkto.**

En niaj aliaj konferencoj, kvar el la ĉefaj agadoj de la Ligo de Nacioj estis ekzamenataj jen en iliaj principoj, jen en iliaj realigoj. Nu, tiuj studoj kondukis la raportantojn al la samaj konkludoj kiel la du unuaj oratoroj.

1-e) *Naciaj malplimultoj.* — Unue, protekto de la naciaj malplimultoj aŭ pli ĝuste de tiuj kulturaj liberecoj, kies origino estas en la necesa malsameco de la homaj aroj. En la homaro unika, tiu kulturo naskata de la historia socia medio dank'al providenca influo signas ĉiun homan aron.

Sed, diris Patro Delos, profesoro ĉe la jura libera fakultato de Lille, tiu protekto povos esti efika nur kiam la ŝtato forlasos sian absolutismon. La ŝtato devas kompreni sian veran celon : subteni la institucioj, kiuj helpas konservi kaj disvolvi la propran kulturon de ĉiu nacia malplimulto. Tiu lasta, same ne devas sin fari aŭtonoma kaj suverena : ĝi devas sin konsideri kiel kunlaboranton kaj ne kiel kontraŭbatalanton je la ŝtato. Principo devas akordi ilin : la principo de la komuna celo, tio estas la servo de la homoj.

2-e) *Intelekta kunlaborado.* — Ĝi celas, diris S-ro Gonzague de Reynold, prezidanto de la katolika Unuiĝo por internaciaj studoj, establi interŝanĝon da servoj kaj reciprokan interkomprenon inter tiuj kiuj, en iu ajn formo, laboras ĉe intelekta laboro. Ĝi estas necesa por ke la Ligo de Nacioj povu sin konigi, realigi la intelektan senarmigon, helpi la disvolvon de la intelelekta vivo, protekti la rajtojn de la intelektuloj.

Sed la Ligo de la Nacioj ne devas agi rilate la intelektan vivon, kiel ofte agis la ŝtatoj rilate la kulturajn liberecojn, kiam ili klopodis por realigi kulturan unuecon, neebla kaj malboniga. Ĝi ne devas celi similigi ĉien tiun intelektan vivon, aŭ trudi al la intelektuloj sistemojn kaj ideojn. *Malsamaj spiritaj agadoj, kiuj kunordiĝas jen en la sama fako de intelektaj laboroj, jen inter malsamaj fakoj de tiuj laboroj,* tio estas la vera formulo por intelekta kunlaborado kiu ne devas celi regadon ekzemple de la edukado.

3-e) *Solvo de la ekonomiaj demandoj.* — Inter la diversaj naciaj ekonomioj, diris Patro von Nell-Breuning, profesoro ĉe Instituto Sankta-Georgo en Frankfurt am Mein, estas sorta komuneco kaj bezono sin kompletigi unu la alian. Celantaj la komunan bonon internacian, ili devas reciproke kunordiĝi en

## OKAZE DE LA KONFLIKTO INTER JAPANUJO KAJ ĤINUJO




Kiel devus esti la S. D. N... kaj kiel ĝi estas.

*(Popolo di Roma.)*

# Nova ĉefepiskopo en Praha

Kaŭze de la tro alta maljuneco (80 jaroj), rezignis ĝisnuna eminenta kaj speciale de la pli malriĉuloj amata ĉefepiskopo en Praha, D-ro Francisko Kordač. Sekve Lia Papa Moŝto, post interkonsento kun la ĉeĥoslovaka registaro, destinis la ĝisnunan episkopon en Hradec Králové, D-ron Karolo Kaŝpar, ĉefepiskopo de Praha.

La nova ĉefepiskopo estas doktoro pri teologio, eklezia kaj civila juroj. Li naskiĝis la 16 majo 1870, en malgranda urbeto de Bohemio, kiel filo de instruisto. Gimnazion li studis en Plzen, kaj de tie post la maturiĝo foriris por studi en la ĉeĥa kolegio de Romo. Estinte presbiterigita, li revenis en la patrolandon kaj fariĝis kapelano. En 1896, li denove estis sendita en Romon, por studi tie eklezian juron. Post sia reveno li fariĝis profesoro, kaj en 1907, metropola kanoniko en Praha. En 1920, li estis konsekrita episkopo de Hradec Králové.



Msro Karlo Kaŝpar, ĉefepiskopo de Praha

El lia agado ni nur citu, ke en 1924 li gvidis pilgrimon al Lourdes, en 1926, partoprenis en la Universala Eŭkaristia Kongreso en Chicago (Usono), kaj restinte tie tri monatojn, vizitis multajn katolikajn paroĥojn de amerikaj ĉeĥoslovakoj. Plue, li gvidis la nacian pilgrimon al Romo, kaj en 1930, pilgrimon al Palestino. Laborante ankaŭ literature, li skribis verkojn religiajn, historiajn kaj jurajn. Katolikan Agadon en sia ĝisnuna eparĥio li tre fervore propagandis, volante, ke ĝi per karitato kaj bonfaro enpenetriĝu ankaŭ en aliajn sferojn de la vivo.

La nova ĉefepiskopo, per sia ĝisnuna agado garantias, ke li sur la posteno de ĉeĥoslovaka primato, estos ornamo por la Eklezio kaj patrolando.

Francisko Kudrna.




■ La kvindekon de la Franca Pentra Lernejo de Romo estis solene festata, la 27 oktobro, en la Sorbono en Parizo. La Sankta-Seĝo estis riprezentata en la ceremonio de Msro Tisserant, vicprefekto de la Vatikana Biblioteko, kiu parolis je la nomo de la Papo.

■ La franca elpensinto, S-ro Eduardo Belin, kiu oferdonacis al la Papo aparaton por transsendi fotografaĵojn kaj dokumentojn, jus estis ordenigita granda oficiro de Sankta-Gregorio la Granda. La insignoj estis transdonitaj al S-ro Belin pere de la franca ambasadoro ĉe la Sankta-Seĝo.

■ Msro Francisko Sedej, ĉefepiskopo de Goritz-Gradisca (Italujo), rezignis la postenon pro lia tre multjara aĝo. Sekve la Papo titoligis lin ĉefepiskopo de Egine.

■ La hispanaj Jezuitoj jus translokigis sian faman instituton por artoj kaj industrioj en Liège (Belgujo), sekve de la registaraj minacoj kontraŭ ilia societo. Tiu decido estas granda perdo por Hispanujo, ĉar, malgraŭ ke jam multaj hispanaj junuloj promesis sekvi la Jezuitojn en Belgujon por daŭrigi siajn studojn, multaj junaj metiistoj ne plu povos profiti la vesperajn kursojn de la instituto ĝis nun organizitajn.

■ La Papo sendis leteron al Pastro Ledochowski, generalo de la Jezuitoj, por esprimi sian simpation al la Societo okaze de la persekutoj de ĝi suferataj en Hispanujo, speciale por ĝia obeemo al la Sankta-Seĝo. En tiu letero Pio XI-a protestas kontraŭ la diro, ke la Papo estas fremda aŭtoritato. Kaj tiuokaze li memorigas parolon de Princo de Bismarck : « La aŭtoritato, al kiu obeas tiom da milionoj da civitanoj de lando, ne povas esti rigardata kiel fremda en tiu lando. »

■ Laŭ la jurnalo *Obzor*, el Zagreb, la lasta sumigo pri la loĝantaro en Jugoslavujo sciigas, ke estas en tiu lando 5.600.000 katolikoj en la tuta enloĝantaro, kiu sumas 14 milionojn.

■ Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, transdonis la insignon de Kavnliro de la Honor-Legio, la 4 novembro, al Franciskana religiulo, en la monaĥejo de Fontenay-sous-Bois, apud Parizo, Frato Martial Bayard, al kiu oni fortranĉis la ambaŭ kruroj, sekve de milita akcidento.

■ La Internacia Komisiono de la direktoroj de katolikaj gazetoj, okaze de ĝia kunsido en Rotterdam (Nederlando), sendis protestleteron al la hispana ĵurnalo *El Debate* pro la religia persekutado en Hispanujo kaj sian simpatian enkuraĝigon pro la brava sintenado de la redakcio en tiu batalo por la rajtoj de la Eklezio. La Komisiono ankaŭ sendis homaĝan telegramon al la Papo.

■ Msro Feltin, episkopo de Troyes (Francujo), jus estis promociita kavaliro de la Honor-legio.

■ Meso por la paco estos celebrata de nun ĉiumonate en la preĝejo Notre-Dame de Lorette (Francujo). Tutapude estas grandega milita tombejo.

■ La Katolika Federacio Nacia de Francujo okazigis sian ĉiujaran pilgrimon en la Baziliko de la Plejsankta-Koro de Jesuo, dimanĉon la 8 novembro.

## La 3a Katolika Internacia Semajno

(Daŭrigo.)

monda ekonomio. Sed tiu ĉi ne devas regi ilin arbitre, ne konsiderante la ne samajn kondiĉojn iliajn. Aliparte oni devas deziri ke la ekonomia politiko remetu la homan personon en la centron de la ekonomio, ĉar homo laŭ la volo de Dio devas vivi per la ekonomio.

4-e) *Rilatoj inter la popoloj kies kulturoj ne estas samgradaj. Demandoj pri koloniigo.* — La kristana pensmaniero, diris Msro Beaupin, prezidanto de la Komisio de Juristoj kaj Misiistoj en la katolika Unuiĝo por internaciaj studoj, konsideras la koloniigon kiel civilizan taskon donita de la natura juro al la Ŝtatoj liberaj kaj memrespondecaj. Estas protekto de la pli forta al la pli malforta. Estas karita kolektiva agado.

Ĝi ne devas esti entreprenata por la nura profito de nur unu ŝtato suverena, kvankam tiu ĉi rajtas havi profiton el tiu entrepreno. La koloniigo devas celi la komuna bono de la internacia komunumo ; ĝi devas permesi al la katolika Eklezio, libere apostoladi. Ĝi devas klopodi por establi la indiĝenan socion, laŭ la tradiciaj principoj rilate la familian statuton, la organizon de la laboro kaj la ĝeneralajn kondiĉojn de la vivo.

Tiaj estas la kristanaj principoj kiuj eniras iom post iom en la internacian povitivan juron kvankam ne ĉiam per vojo rekta aŭ kun tuta pleneco.

**III. — Devo de la katolikoj : helpi la disiĝon de la kristana pensmaniero rilate la internacian juron.**

La kristana pensmaniero pli malpli progresas en la fakoj de la Ligo de Nacioj kiujn ni studis. Kun ĝojo ni konstatas tion.

En nia tempo, la mondo estas pli kristana ol ĝi mem kredas : ĝi ekvidas ke oni ne povas establi la pacon en la mondo kaj disvolvi la civilizacion se la Ŝtatoj ne forlasas la eraran doktrinon pri absoluteco kaj sindiigo, se la Ŝtatoj ne kunordigas sian agadon lojale per la komuna universala bono.

Tiun instruon de la faktoj, la III-a Katolika Semajno Internacia helpis lumigi. Tiu instruo montras al la katolikoj, ilian devon. Ili devas labori por ke la Nacioj kiel la Ligo de Nacioj komprenu pli kaj pli, ke la sukceso povas okazi nur per la akcepto de la kristana pensmaniero pri la internacia juro.

Jean Duffaud.

## La katolikoj en la nova parlamento de Anglujo

Kiel oni jam scias, okazis lasttempe balotelektoj en Anglujo, sekve de politika krizo. En la nova parlamento la katolikaj deputitoj estos 21, anstataŭ 24 en la antaŭa. El ili 16 estas konservativoj ; 3 laboristoj kaj 2 irlandaj naciistoj.

Inter la katolikaj laboristoj, kiuj ne estas reelektitaj, oni mencias S-ron J. Scurr, kiu estis la defendanto, en la antaŭa parlamento, de la rajtoj de la katolikaj lernejoj kontraŭ la pretendoj de la antaŭa registaro.


KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Telefono : Paris-Passy 06-30

La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris n° 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata posttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*.
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris n° 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto n° 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto n° 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto n° 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto n° 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : Firmo W. van Eupen, Wal 2-a, Eindhoven. Poŝtkonto n° 19.313.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro Hans Finkel, Linsebühlstr. 4a, Sankt-Gallen.


## Duobla amasdemonstrado kontraŭ la sendiuloj en Bavarujo

La plej grandaj fest-ĉambregoj de la Löwenbräu- kaj Bürgerbräukeller en Munĥeno estis ne sufiĉe vastaj por envahi tiom multaj alvenintaj katolikoj. Ĉeestis ankaŭ la ŝtataj ministroj D-ro Stützel kaj D-ro Goldenberger, ŝtata sekretario Funke, ŝtata konsilanto Schäffer, supera burĝestro D-ro Scharnagl kaj multaj aliaj riprezentantoj de la pastraro kaj de la katolikaj societoj.

Unue parolis la konata predikisto P. Dionys Ortsiefer, el Köln. Mi citas nur mallongan resumon :

« Sub la preteksto de komercaj delegitaroj oni lasas la bolŝevismon semi kaj rikolti, vastiĝi kaj furiozi. La movado de la liberpensuloj fariĝis por ni serioza danĝero, ili havas 300.000 membrojn pli ol la katolika popol-unuiĝo. Ni ne nur lamentu, sed ni rigardu en la animojn de tiuj trompitaj homoj. La monstra mizero kaŭzas la varbo-forton de la sendiula movado. La vivo ŝajnas esti sensenca ; sisteme la sendiulismo agitas inter la malesperuloj, malfirmigas la kredon al la Di-favoreco kaj deturnas ilin de la pastraro kaj de la Eklezio. La sendiuloj batalas kontraŭ Dio, kies ekziston ili neas kaj per tio ili pruvas Lian estadon.

« Sed la mizero estas la provilo por la kreduloj. Staru ni kiel fronto kontraŭ la fuŝgvidantoj, sed ni ankaŭ kompatu ilin, kiuj ne konas Dian pacon. »

Dua parolinto estis la supera burĝestro D-ro Hipp, el Regensburg. Jen lia parolado mallonge skizita :

« La plivastigo de la ekonomia krizo sur la tuta mondo montras, ke ekzistas pli profundaj kaŭzoj ol nur fuŝaĵo en la ekonomia organizaĵo. Temas plie pri animaj kaj spiritaj krizo-aperoj. Ke la homoj malakceptas la religion, ke ili sin deturnas de la kredo en supernatura potenco, gvidas ilin al la interna detruo kaj malkvietiĝo. Kaj tio perforte infektas la socian vivon en familio, komunumo kaj ŝtato.

« Apud la ĝusta ordo en la familia, ŝtata kaj ekonomia vivo efiku ankaŭ la ŝtata prizorgo por publika bonfarto kaj la libera karita agado. En tiu kunhelpa senco ni praktike provu venki la iniciatoron de l' bolŝevismo, de la malkonfeso kaj malamo kontraŭ Dio. »

Fine oni vokis la tutan ĉeestintan katolikaron al protesto kontraŭ la plej antipatiaj mensogoj kaj kalumnioj pri nia Eklezio, ĝiaj episkopoj kaj pastraro flanke de la sendiula bolŝevist-komunista aro. Ni energie defendu nin kontraŭ tiu semo de malamo kaj malfido en nia popolo, ni provoku niajn registarojn al aktiva interveno kontraŭ tiu direktivo subfosanta nian kristanan kulturon, kun forta intenseco ni protestu kontraŭ la venenigo de nia junularo, kontraŭ la ekstermo de religio kaj moralo en nia popolo per la bolŝevismo.

Ni, germanlandanoj, speciale staru ankaŭ kontraŭ precipe aflikta kaj indigniga aperaĵo. La iama generalmarŝalo Ludendorff (milopa fi-fivokado) intencas en sia *Volkswarte* venenigi la popolon per agitaj artikoloj kontraŭ la religio. Ni, Munĥenaj katolikoj, postulas, ke tiu gazeto pro daŭra senkaŝa instigo al kredo-malamo estu malpermesata, ni postulas tion por la certigo de la religia paco.

Sidis apud mi du bolŝevistoj. Mi aŭdis ilian interdiron. Fine ili diris : « En tiu urbo estas nenio farebla, sed ne gravas, aliloke ni ja sukcesos. »

Maria Ŝot.

## Opinio de pariao pri la katolika Eklezio

La delegitoj de la 70 milionoj de pariaoj, kiuj loĝas en Hindustano, okazigis lasttempe sian jaran kunsidon en Amravati. La prezidanto de la Asocio de la subpremata Hindujo, S-ro Nekaijay, en unu el siaj paroladoj, esprimis sian opinion pri la katolika Eklezio jene :

« Iam Francujo estis kovrita per stepoj kaj marĉoj. En tiuj lokoj, kie neniu deziris iri, la grandaj ordenoj religiaj kristanaj instaliĝis. Iliaj nomoj estas Kartusianoj, Cistercianoj, Benediktanoj. Ili ekkulturis, ili displugis kaj ili ŝanĝis la tutan landon en belega ĝardeno. Ilia okupado estis, krom preĝado, la kampkulturo. Dum la centjaroj ili progresadis produktege la kampkulturon. Pere de tiuj religiaj ordenoj Francujo estis transformita.

« Mia projekto estas nin turni al niaj kristanaj fratoj kaj ilin peti, por ke ili venigu en Hindujon religiulojn, al kiuj ni transdonos senkulturajn kampojn. Ili tie starigos agrikulturajn lernejojn kaj tiamaniere instruos nian popolon. Kion bezonas Hindujo, tio estas lernejoj sendependaj de la registraro.

« La kristanaj religiuloj, dank' al iliaj konoj pri kampkulturo kaj scienco, revivigos nian terenon kaj ebligos al la subprematoj enloĝi la plibonigitajn terojn. »

Jen la opinio de pariao pri la katolika Eklezio !

*MODERNA KATOLIKA JUNULIN-MOVADO*

# La Graal-movado en Nederlando



La gvidantinoj de la movado

Ĉar la ĉefgvidantoj de tiu movado estas la « Sinjorinoj de Nazareth », tiu ĉi kongregacio estas unue iomete priskribota.

F-ino Sweers skribis en la *Dun,* de majo 1931 : « Estas unu el la mirindaj proprecoj de la katolika Eklezio, ke ĝi neniam aliiĝas, neniam malmoderniĝas, sed ĉiam, kiam la historio aliiĝas, ĝi povas trovi novajn rimedojn por tiri la animojn al Dio. »

Dum la pli frua mezepoko ni vidas la Benediktanojn rehonorigantaj la manlaboron, liberigantaj la homaron el la antaŭjuĝoj de la malnova Roma Imperio. En la XII-a centjaro, kiam la tuta societo ŝajnis perdiĝi per lukso kaj plezuro, ekaperis sankta Francisco el Asizio, kiu fariĝis propagandisto de la malriĉeco. Dum la XVI-a centjaro, kiam tuta Eŭropo konfuziĝis pro la Reformacio, venis sankta Ignacio de Lojola, kun aro de kleraj, bone organizitaj kaj viglaj defendantoj de la eklezia doktrino kaj de ĝia disciplino.

Tiel ĉiam estis kaj ĉiam estos. En ĉiu cirkonstanco de nova aliiĝo de la socia vivo, la Eklezio elpensas la ĝustan rimedon por gajni animojn al Kristo, kvankam restante ĉiam juna, ĉiam nova kaj ĉiam la sama.

Ankaŭ nuntempe la Eklezio vidigas tiun mirindan akomodecon. Ankaŭ nuntempe, kiam ni rimarkas tra tuta Okcidenta Eŭropo brile florantan kredvivon, sed bedaŭrinde ankaŭ amasan apostaton, precipe meze de la laboristoj, dum la grandaj organizajoj de la malkredo, de socialismo kaj komunismo kreskiĝas de miloj lasantaj la Kristanan dogmaron, dum la pastroj kaj la religiuloj multfoje perdas la kontakton kun tiuj, kiujn ili volas savi, dum la apostato ofte estas kaŭzata per la socia stato kaj mizero, kiun la pastroj ne kapablas ŝanĝi, — nuntempe ekestis aŭ pli ĝuste reviviĝis la laika apostolado, ĉie, en Ameriko, en Anglujo, en Belgujo, en Germanujo kaj Nederlando. Laiko penetras kien pastro ne povas veni. Laiko uzas rimedojn, kiujn pastro ne povas uzi. Laiko riparas la kontakton kaj helpas kontraŭ la socia mizero.

Sed tiu laika apostolado nun sukcesos, kondiĉe ke oni sin dediĉas tute, senrizerve, donante tutan povon kaj volon, foroferante la tutan vivon. Ĝi nur valoras, se la laiko serioze volas oferi same kiel kaj eĉ plu ol la plej asketa religiulo. Se la laika apostolado nur signifas kompromison inter la monaĥejo kaj mondo, ĝi neniam produktos daŭrantan potencon kaj influon. Fine ĝi efektive sukcesos nur kondiĉe, ke ĝi laboras kiel forta kaj organizita aro, perfekte obeanta al la eklezia hierarĥio, kaj de ĝi senpere gvidata.

Tia aro estas la kongregacio de la Sinjorinoj de Nazareth. Esktere ili estas laikaj, vestitaj kiel laikuloj. Veste ili neniel distingiĝas el la civilaj sinjorinoj de la mondo. Ili ne havas uniformon, ili nur portas arĝentan kruceton kiel rekonilo, nenion plu. Sed interne ili estas tute religiulinoj. Ĉar post sesmonata kandidateco, komencas la vera ekzamena tempo, kiu daŭras du jarojn. La novulinoj loĝas ses monatojn en la ĉefdomo de la kongregacio; poste ili praktike laboras ses monatojn, kaj fine ili estas unu jaron en la ekzercdomo. Je la fino de la provtempo, ili pronuncas votojn pri ĉasteco, perfekta obeo — tiel deviga ol tiu de la Jezuitoj — kaj sin dediĉas al apostola malriĉeco.

La Sinjorinoj de Nazareth kune vivas laŭ siaj konstitucioj episkope aprobitaj. Ili estas estrataj de ĉefestrino, al kiu, sub la kontrolo de la episkopo, estas komisiita la tuta guvernado.

Al tiu ĉi kongregacio la episkopo de Haarlem komisiis la gvidadon kaj estradon de la tuta Graal-movado en lia eparĥio.

### Kio estas la Graal-movado

Laŭ episkopa ordono la Graal-movado estas la nura junulina unuiĝo en Nederlando.

La celo de la Graal-unuiĝo estas organizi ĉiujn junulinojn, kiuj ne plu devige frekventas lernejon, ne nur por ŝirmi ilin kontraŭ la minacantaj danĝeroj, sed precipe por eduki ilin, por ke ili fariĝu fervoraj katolikaj virinoj. La membroj kiel la gvidantinoj, devas esti veraj apostoloj.

La edukado konsistas el religia kaj morala instruo, el socia instruo ankaŭ, por ke la junulinoj sciu estonte plenumi siajn devojn en la familio kaj la societo, kiel konvinkitaj katolikaj virinoj.

La organizado ne sin apogas finance sur mondonacoj, sed ĝi antaŭkalkulas proprajn certajn enspezojn kaj sufiĉe altajn membrokotizojn.

La Graal-unuiĝo prizorgas ĉiujn interesojn de la laboranta junulino, la religiajn, sociajn kaj ekonomiajn. Nur tiamaniere ĝi kapablas havigi al la junulino, kion ŝi bezonas.

La religian-moralan parton de la edukado prizorgas presbitero, direktoro de Mariana Kongregacio, al kiu devige apartenas ĉiuj aninoj de la Graal-movado. Por la socia edukado estas starigataj kluboj kaj kursoj. Amuzaj kluboj havigas al la aninoj agrablan kaj bonmoran distriĝon.

Ĉiuj junulinoj de la katolikaj lernejoj kaj unuiĝoj fariĝas membroj je la 13-a jaro, kiel novulinoj. Ili estas veraj membroj nur je la 15-a jaro. La lokaj grupoj estas paroĥaj aŭ ne, laŭ la cirkonstancoj.

Por konservi la unuecon de spirito kaj metodo, la gvidantinoj estas centre organizataj en unu instituto, kies sidejo estas en la ĉefdomo de la Sinjorinoj de Nazareth. La paroĥaj kaj dekanaj junul-konsilantaroj devas ĉiam konsulti tiun instituton pri ĉiu grava demando en la movado. Prezidantino de tiu instituto estas la ĉefestrino mem de la Sinjorinoj de Nazareth. La instituto prizorgas la edukadon kaj oficdonadon de la gvidantinoj en la Graal-movado.

### La organizado de la Graal-movado

Ni jam scias, ke la Graal-movado estas estrata de la Sinjorinoj de Nazareth, edukitaj dum dujara provado, kiu estas la bazo mem de la movado. Tiuj virinoj estas la kerno de la organizado. Ĉirkaŭ tiu kerno grupiĝas kvin rondoj :

1-e La portempaj helpantinoj de la Sinjorinoj de Nazareth, kiuj kun tiuj ĉi vivas, kunagas kaj plenumas la samajn taskojn. Oni preparas ilin al la agado dum unu jaro. Poste ili enviciĝas en ĉiuj rangoj de la movado.

2-e Poste venas la juna gvardio, elektita korpuso de noblaj junaj virinoj, kleraj, kiuj almenaŭ unufoje sekvis sukcese trimonatan kurson kaj ĉiujare ĉeestas spiritan ekzercadon ok-tagan. Ili estas sendataj de la centra estraro por gvidi la klubojn morale, religie, science kaj arte. Do la juna gvardio staras tute sub centra estrado. La episkopo konsilas, ke studantinoj fariĝu membroj de tiu gvardio.



3-e La lokaj gvidantinoj kaj estrinoj estas elektataj inter la ordinaraj membroj de la Graal-unuiĝo.

4-e Ĉirkaŭ ili grupiĝas la ordinaraj membroj almenaŭ dekkvin-jaraj.

5-e Fine estas la pli junaj membroj, t. e. la novulinoj.

En la grandaj urboj estas starigita centra domo kun filioj kaj apartaj domoj ĉe la gravaj laborejoj.

La centra estraro, konsistanta el Sinjorinoj de Nazareth, staras sub la prezidanteco de la episkopo mem.

### Pri la spirito de la movado

Por ekściti la « Graal-spiriton » oni havas la inaŭgurojn kaj gradojn, seriozajn kunvenojn kaj agadklubojn. Ĉiu membro estas unue aspirantino almenaŭ dum ses monatoj. Intertempe ŝi vizitas la tiel nomatajn paroladvesperojn por ekkompreni la idealon kaj aranĝon de la movado, por ricevi la ĝustan spiriton kaj sufiĉe travidi la devojn de la membreco. La aspirantinoj rajte vizitas ĉiujn kursojn kaj klubojn de klerigo aŭ amuzo. Ili ne ankoraŭ portas uniformon nek interkonilan kruceton.

Post ses monatoj okazas la akcepto en la unua grado, se la aspirantino kontentige plenumas siajn katolikajn devojn. Ideale ili volas fariĝi katolikoj praktikantaj, agantaj junulinoj, en kiuj oni povas fidi. Ankaŭ tiuj unugradaj membroj frekventas seriozajn « vesperojn ». Parte ili eniras la agad-klubojn.

Poste estas la dua kaj tria gradoj. Por ĉiu grado oni estas pli postulema. Tiuj estas devige agantaj membroj en la movado. Ili devas vivi laŭ la kristanaj virtoj.

La Graal-movado volas do, formi kernon de membroj kaj gvidantinoj, komprenantaj, ke la idealo estas graveco, seriozeco; ke firma bazo estas metata en la vivo, kaj ke tiun ĉi povas havigi nur agoj de pentado, forto kaj kuraĝo, amo kaj submetiĝo, sinofero kaj kondutĝojo, pere de organizado de miloj kaj miloj de kunhelpantinoj por plibonigi la socieron; organizado de miloj kaj miloj, kiuj per gaja plenumo de ofte malfacila vivtasko, estos grandanime feliĉaj.

Tio volas la Graal-movado, kiel skribis Pastro G. Lamen en la maja numero de *Dun.*

La membroj scias, ke preskaŭ ĉiuj virinmovadoj perdiĝis pro malharmonio. Tial ili volas ne nur eksteran unuecon sub flagoj, interkonilo kaj uniformo, sed internan unuecon per scio kaj volo, spiritan kunpenadon de sammaniere agorditaj animoj al la sama celo. Tial antaŭ ĉio unueco en si mem, ne malharmonia karaktero, ne karaktera dividdeco inter Dio kaj la mondo. Kaj pere de tia unueco la amika unueco, sen jaluzo, sen klasa diferenco, sen vilaĝa apartigo. Ĉio en la supernatura komunio de la Sanktuloj.

Unu movado, unu idealo, unu celo, unu



La Graal-manifestado en la Amsterdama stadio

---

FELIETONO DE LA 22 NOVEMBRO 1931 — 3 —




Tirola romano de H. Ŝrot de Pelzel.
Tradukis Maria Ŝot.

La pastra maljunulo ree metis sian ĉapeton sur la neĝblankan haron. Kun silenta preĝo li paŝis antaŭen. Tra la arbaro komencis muĝado, flustro kaj murmuro, la arboj klinis siajn kapojn profunde, malsupre en la valo kuŝis bluetaj pezaj ombroj, la vualoj de l' nokto. La tago estis finita.

— Jes, forĝisto, la tempo marŝas rapide, ĉu ne? diris Jakob Brunner kaj tuŝetis dum hejmiro per sia maljuna, delikata moro feran tombkrucon.

— Kaj vi, Toni, ripozu nun bone, kaj ĝoju, ke ĉio estas finita, ekzistas ja ne multe da feliĉego en la mondo, por tio oni jam antaŭzorgis, ja, ja!

Poste li parolis kun alia, la Mosbihler :

— Ne zorgu, Ander, ĉio estas en ordo en via bieno; via edzino, la diligenta Rozl laboras por tri, la kreditintoj atendos certe, ŝi estas tiom brava, la Rozl. Ĉu vi aŭdis min, Ander? — Kaj se vi povus vidi la dunaskitojn — kiaj beletaj bubetoj, tre sanan idaron vi havas — kion vi diras? Li tenis la manon al la orelo. — Ne, ne, vi ne bezonas timi, tute ne, mi estas ankaŭ ĉi tie, Jakob Brunner, tiu forlasas neniujn bravajn, diligentajn homojn; li parolos, se necesas, kun la kreditintoj — kaj la maljunan pastron ili ja ankoraŭ atentas.

Nun li direktis sin al la infantomboj :

— Dian saluton al vi, anĝeletoj, ĉu ne, en Ĉielo estas bonege, tie estas vivo!

Ĉe la tombeja enirejo li ŝprucis akvon benitan super la karaj mortintoj, kaj la pordego de la silenta regno fermklakis. Li ankoraŭfoje turnis sin, salutis per la mano al korodiĝa tombo :

— Bonan nokton, Lip, hodiaŭ mi preskaŭ forgesis vin.

Tiam la alta, impona pastro paŝis malrapide al sia domo. . .Tra la krepusko briletis kaj lumis ankoraŭ la blankaj montoj,

La venontan tagon je la sama horo Brunner ree sidis ĉi tie en sunbrilo kaj la iom rapidaj fingroj postkalkulis ion — estas bone, iom ĉirkaŭrigardi je la fino de l'vojo — kaj tiel aperis bildo. — Estis bona tempo en la Bretebner-domo, oni kompate traktis la fremdan knabon kaj edukis lin kiel filon. Se li ne iris en lernejon, la kampulo sendis lin kun la ŝafoj en la erikejon. Tien la bubo volonte iris! Li ŝatis, esti sola, ĉar tiam venis tiom belaj pensoj, kaj li kuŝis en la mola arbarmusko kaj en la ruĝaj kalunoj, rigardis supren en la nubojn, kiuj neatingeble alte ŝvebis super li, jen aperante el malantaŭ kolosaj rokpintoj, jen malaperante malantaŭ la montoj. Ili estas strangaj formajoj, kiuj aŭ majeste aŭ minace forrapidis super li, aŭ haltis aŭ dissolviĝis antaŭ liaj okuloj.

Sur la deklivo situis pli-malpli grandaj vilaĝdomoj, kaj tute supre ili ŝajnis kiel etaj ludaĵoj, super kiu etendiĝas la blua ĉielo. Kelkaj rokpartoj estis grizaj kaj nudaj, korodiĝa ŝtonaro, preskaŭ nealirebla, forta kaj kolosa. Super ĝi rondflugas rabbirdoj. Sur aliaj lokoj estis densa, malhela abiaro, kaj pli supre montriĝis krutaj deklivoj kun ravaj verdaj alpherbejoj, en kiuj staris paŝtantaj infanoj, kiuj jubilis. Sole tio interrompis la profundan solenan silenton de la alpejo — kaj eble ankaŭ la vento, kiu peze muĝis super la altaj abioj, piceoj, pinoj kaj larikoj, en obtuzaj, malrapidaj movoj, kiel stranga muziko. Ĉion tion vidis la knabo, kaj kion la homoj ne kapablis enplanti en tiun junan homan koron, tion kreis la naturo mem. La animo fariĝis granda kaj bona kaj iris sen eraro sian penigan vojon.

Sed li staris ne sola, ĉe li estis la sopiro kaj ĉirkaŭbrakis lian kolon. La sopiro? Al kio? Al io, kiun li ankoraŭ ne konis, kio certe estas tre granda kaj nedirebla bela. Kelkiam forestis tiu sento — sed anstataŭ ĝi troviĝis ĉarma infano apud li, ŝi estis 11-jara kaj aspektis kiel delikata alpfloro. Ŝi povis ridi kiel arĝentsonaj sonoriloj. Ofte ŝi

# Letero el Svislando

### La Svisaj balotoj por la Nacikonsilantaro

La 24 kaj 25 oktobro okazis la novbalotoj por la Svisa Nacikonsilantaro. Ĝis nun ĝi konsistis el 198 membroj, nome unu po 20.000 loĝantoj. La konstanta pligrandigo de la svisa loĝantaro, kiun klare montris la svisa popolnombrado la 1 decembro 1930, nature ankaŭ pligrandigis la nacikonsilantaron elektatan de la popolo ĉiun trian jaron. Propono por redukti la membraron je 22.000 poe, estis akceptata, kaj samtempe tiu pri ĉiukvaraj balotoj. Laŭ la nova popolnombrado la redukoj devis esti 11, al 187 membroj.

Nature nun ĉiuj partioj streĉis siajn fortojn, por ne malplifortigi iliajn riprezentantarojn en la parlamento. La ĝis nun plej forta partio, la radikal-demokrata, jam delonge estas en inflacio kaj oni timis fordonigon de la superrango al la socialistoj, eventuale al la konservativoj. La socialista partio ekkonis la situacion, kaj komencis jam sufiĉe frue laŭtegan « tam-tamon », aranĝis torĉiradojn, eldonis fantastan kvanton da flugfolioj, ktp. La katolik-konservativoj kaj kristsociala partio same penis almenaŭ ne malpligrandigi la voĉojn, sed plej eble kreskigi ilin por resti en la nuna forto en la parlamento. Do, grandega bruo ĉiuflanke! Estis la plej forta balotbatalo ĝis nun.

Jen la rezulto de ĝi:

| Partioj | Seĝoj | Antaŭe |
|---|---|---|
| Radikal-demokrata | 52 | 58 |
| Socialista | 49 | 50 |
| Konservativa kaj kristsociala | 44 | 46 |
| Metia, kampula kaj burĝa | 30 | 31 |
| Liberala | 6 | 6 |
| Socialpolitika | 2 | 3 |
| Komunistoj | 2 | 2 |
| Komunistoj disidentaj | 1 | 0 |
| Protestanta popolpartio | 1 | 1 |
| Entute | 187 | 198 |

Nun la laŭlega spektaklo estas finita. La pulvorvaporo disiĝas kaj oni pace povas pristudi la rezulton. Entute la dekstraj partioj estas tre kontentaj. La kampuloj preskaŭ restis malŝanĝa. La svisa konservativa popolpartio registras krom du certaj perdoj unu gajnon. La socialistaj revoj foje pli restis « planekonomio ». Anstataŭ la atendita antaŭenmarŝo al la plej forta frakcio, ankaŭ ili malgajnis. Kelkaj kantonoj eĉ registras klaran ĉeson de la ruĝa movado. La demokratoj grumblas pri ilia malvenko, sed devas esti kontentaj ne jam nun esti perdintaj la superrangon kiel plej forta partio. Verŝajne tio tamen okazos en 1935.

### La konservativa popolpartio en Svislando

La svisa konservativa popolpartio atingis en la jaro 1928 172.500 voĉojn. Tiu ĉi nombro kreskis la 25 oktobro 1931 je 11.171. Tiu ĉi progreso estas tre ĝojiga. La celo tamen ne tute estis atingata pligrandigi la voĉojn tutlandajn je 10 %. La ciferoj de la unuopaj kantonoj montras, ke ne ĉie oni laboris per la sama ardo. Tamen ja la tutrezulto estas tre bona, sed kelkloke ni ankaŭ povus esti pli atinginta.

La pligrandigo de la voĉnombro en la diversaj kantonoj estas jena:

| | | |
|---|---|---|
| Sankt-Gallen | 2.231 | |
| Zürich | 1.340 | |
| Luzern | 1.197 | |
| Wallis | 1.090 | |
| Tessin | 1 061 | |
| Glazus | 937 | |
| Freiburg | 718 | |
| Aargau | 715 | |
| Schwyz | 645 | |
| Solöthurn | 619 | |
| Zug | 312 | |
| Unterwalden | 302 | |
| Basel | 284 | |
| Appenzell I.-Rh. | 165 | |
| Genf | 145 | |
| Thurgau | 83 | |
| Bern | 40 | 11.890 |
| Malpligrandigis la voĉnombro en la kantonoj: | | |
| Graubünden | 695 | |
| Neuenburg | 24 | 719 |
| La svisa konservativa popolpartio ricevis la 25 oktobro 1931 pli da voĉoj | | 11.171 |

Precipe ĝojiga estas la rezulto en la kantono Sankt-Gallen. Ĝi nun je ĉiu baloto kreskis la voĉnombro, kaj ĉijare oni tamen ne esperis tro multe. La signalvorto estis 20.000 voĉoj, kio ŝajnis tre kuraĝa kaj riskema. Ĝi nun superiĝis je 1.000 voĉoj al 20.970. Sankt-Gallen nun unuigas la plej altan voĉnombron inter la svisa partio, sekvante de la kantonoj Freiburg, Luzern kaj Wallis.

La nombroj de la svisa konservativa partio kompare kun la balotoj en 1925 kaj 1928 signifas belan progreson. La malproksima celo estas 200.000 voĉoj; nun ni ricevis 183.741, sed okaze de la novaj balotoj en 1935, ni volos atingi tiun nombron. Ni agadu kaj laboru por nia sankta programo, ni ja havas fortan, la plej fortan fundon, sur kiu ni kapablas batali ĝis la fina, glora venko!

JOHN FRINGO.

**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo:**

Esperantista Centra Librejo, 11, rue de Sèvres (VIe).
Universala Oficejo Katolika, 59 ter, rue Bonaparte (VIe).

## La Graal-movado en Nederlando

*(Daŭrigo.)*

flago, unu uniformo, unu saluto: « Excelsior »: ĉiam pli alten. Al nia alta idealo, haleluja. Al Dio laŭdo en paco kaj gaja paskosento, ankaŭ kaj precipe kiam okazas malfacilaĵo; kaj tiam kune antaŭen! Ne ektimi, ne senkuraĝigi, sed antaŭen! Ĉiam antaŭen, entuziasme, kuraĝe, senhezite antaŭen! Tia estas la spirito de la Graal-movado. Ke pli kaj pli laŭte resonu en Nederlando la salutkrio de la Graal-aninoj: « Excelsior! Alleluja! Antaŭen! »

Kutime en la kunvenoj unu diras: « Excelsior! », dua: « Alleluja » kaj ĉiuj svingsalutante respondas: « Antaŭen ».

### La Graal-movado kreskegas

La Graal-movado rapidege antaŭenpaŝas, jam miloj kunpaŝas. Eĉ Buitenzorg, en Nederlandaj Hindujoj, jam havas sian Graal-domon. La movado jam posedas oficejon por profesielekto kaj oficejon por peri laboron.

La duan Paskotagon 1931, 2.500 Graal-junulinoj reprezentis en la Amsterdama sportstadio grandiozan parolĥoron: « La rega Pasko-kruco ». 25.000 homoj ĉeestis. La sukceso estis grandega, tiel grandega, ke eĉ la neŭtralaj gazetoj ne povis silenti.

Aŭdante tiun parolĥoron: « kion ni volas, kion ni povas, kion ni esperas »; kaj vidante kiamaniere la movado kreskas kaj influas, ni scias, ke la moderna vivplena junulin-movado multe promesas al la estonta katolika Nederlando.

G. TEN HAGEN, *presbitero.*

## La suferigo de Hungaraj jezuitaj misiistoj kaj fratulinoj en Ĥinujo

Laŭ sciigoj ricevitaj el Ĥinujo, la tieaj jezuitaj misiistoj kaj fratulinoj, malfacilajn tagojn travivis en aŭgusto. Ilian restadejon Taming fu, la bolŝevistoj kun rabistoj okupis. Kiam tion la nacia soldataro eksciis, ili ĉirkaŭis la urbon por ekkapti la malamikojn. Ekkomenciĝis la sieĝo per kanonoj. Ĉar ili volis la urbmurojn detrui. La 20 aŭgusto — skribas P. Jozefo Szajko, S. J., — je tagmezo aperis super ni aeroplano, samtempe venis la generalo kun multaj armitaj soldatoj en la misidomon kaj ekkaptigis Patron Rektoron kaj ĉiujn eksterlandajn Jezuitojn. Ili estis enkarcerigitaj en lia domo, kien pli malfrue venis ankaŭ la fratulinoj. Poste sekvis la aŭdienco. « De kie vi venis? li demandis de la longbarbula P. Szajko. — El Hungarujo, estis la respondo. — « Kie estas tiu lando?... demandis la generalo. La kaptituloj klarigis, ke la hungaroj pli frue troviĝis en Mongolio, kaj antaŭ mil jaroj ili migris al Eŭropo. « Jes, jes, mi jam scias, — diris la generalo — vi, tuj reiru, rapide, rapide! » Kaj la misiisto, kiel akompananton, ricevis unu oficiron kaj unu soldaton, krome unu stampitan dokumenton, kiun li devis super la enirejon de la misidomo fiksi. La saman dokumenton ricevis la fratulinoj ankaŭ por sia domo, kies teksto estis la sekvanta: « Ĉiuj konstruaĵoj de la misio, kie loĝas Ko Tyiao Yüen (la ĥina nomo de P. Szajko) staras sub la protekto de generalo Lion Koei T'Ang. Mi malpermesas al ĉiuj eniri tien. Subskribo: generalo Lion Koei T'Ang. » De tiuj tempoj, kvar soldatoj kun armiloj gardstaras ĉe la pordo.

La 24 aŭgusto denove aeroplano aperis super la misidomo kaj komencis ĝin sieĝi. Multaj bomboj eksplodis, sed pli grandan difekton ne kaŭzis. Tiam la trupo de registaro okupis la urbon kaj multajn rabistojn mortigis. La 22 aŭgusto la tuta personaro de la misio revenis el la kaptitejo.

Tiel mi travivis — skribis P. Szajko, — la 10-tagan sieĝon kaj kaptitecon. Nia misikolonio ricevis 28-30 kanonpafadojn kaj bombojn krom la pafilkugloj; sed feliĉe homon ili ne difektis. Tiel gardas nin la Dia Providenco je kies ordono ni forlasis nian patrujon kaj hejmon, por ke ni povu nian vivon dediĉi al la konverto de paganoj.

HELENO FIEDLER.

## ADRESAĴO

### de la Kristanaj labordonantoj al Lia Papa Moŝto

Fine de la kunsido ĵus okazinta en Parizo, la internacia prezidantaro de la Katolikaj Asocioj de labordonantoj sendis al Lia Papa Moŝto adresajon, subskribitan de S-roj Josefo Zamanski, prezidanto por Francujo; D-ro Fonk, por Germanujo; Karrel-Platteau, por Belgujo; D-ro Spoorenberg, por Nederlando, kies teksto estas jena:

La prezidantaro de la internaciaj konferencoj de la Katolikaj Asocioj de labordonantoj, kunveninta en Parizo, la 27 oktobro 1931, la unuan fojon post la publikigo de la encikliko *Quadragesimo anno,*

sendas al Lia Papa Moŝto Pio XI-a la tre humilan homaĝon de ĝia dankemo kaj de ĝia admiro pro la instruoj donitaj al la Sankta-Seĝo al la produkt-mondo.

Senripoze labori tiel por ilin diskonigi ĉirkaŭ si, kiel por ilin apliki en siaj propraj negocoj. estas la tasko, kiun al si proponas la industriestroj kaj komercistoj de la mastraj asocioj tie riprezentitaj.

Forigi la netolereblajn misuzojn malaprobitajn de la Sankta-Patro en la funkciado de la kapitalista sistemo kaj havigi al siaj kunlaborantoj ĝustan partoprenon en la bienoj de Dio donitaj al ĉiuj homoj, estas sia plej granda zorgo. En la cirkonstancoj speciale danĝeraj, kiujn montras la lasta enciklika letero *Nova impendet,* ili volas klopodi, nun pli ol iam, pere de la internaciaj rilatoj de ili organizitaj, kontraŭmeti al la granda mizero, kiu disvastiĝas en la mondo, sian karitatan, konkordan kaj pacan agadon.

## Propagandu ĉien nian gazeton

### Statuo al Benediktano en Pensilvanio

En 1846 albordiĝis en Amerikon Benediktana monaĥo, Dom Bonifacio Wimmer, el la abatejo de Metten, en Bavarujo. Li alvenis, akompanata de kelkaj religiuloj, por starigi la monaĥan vivon kaj prediki la Evangelion en la Nova Mondo. La unua monaĥejo de li fondita estis tiu de Sankta-Vincento en Penssilvanio. La Papo erektis la monaĥejon en abatejo kaj Dom Wimmer fariĝis abato en 1855. Okaze de la kvindeka datreveno de liaj votoj (1883), la fondinto de Sankta-Vincento kaj de la amerikana-cassinia kongregacio akceptis de Leono XIII-a la titolon de ĉefabato. Li mortis la 8 decembro 1887, 78-jara. Li estis unu el la plej famaj figuroj de la monaĥa renoviĝo en la XIX-a centjaro.

La monaĥoj de Sankta-Vincento lasttempe starigis je la memero de ilia patro monumentan statuon, sur la preĝeja placo. La statuo el bronzo estas 3.50 metrojn alta; ĝi estas verko de aŭstra skulptisto Ferdinando Seebœck. Ĝi reprezentas la maljunan abaton en *cappa magna,* levante la dekstran manon en oratora gesto.

La solena inaŭguro okazis, la 1 septembro, en ĉeesto de kvar episkopoj kaj naŭ Benediktanaj abatoj.

---

sidis rekte, la manoj ĉirkaŭplektitaj je la genuoj kaj ŝiaj grandaj bluaj okuloj reve rigardis la figuron de la gracila knabo, kies vizaĝo montris mildan, preskaŭ dolĉan esprimon.

Se Manjo sidis tiel apud Jakob, ŝi ofte subite diris:

— Ĉu ne, bubo, vi ne foriros?

Tiam li rektiĝis kaj respondis:

— Ne, neniam — nur se mi iam mortos.

Li prenis ŝiajn etajn manojn kaj tenis ilin forte, tiom forte, kvazaŭ venus io trans la erikejo kaj volus forpreni ŝin de li... Ŝi estis lia unikajo ekde tiu vespero, kiam eĉ lia patrino forlasis lin. Ioma kolero kontraŭ tiu ĉi sidis en lia brusto, sed eble tio estis la granda hejmveo al ŝi. La plej multaj knaboj povas esti hejme, nur li ne. Sed li ja estis malriĉa bubo. Nur unu aferon li ne komprenis, kial patrino estis kolera kontraŭ ĉiuj homoj. Pri tio li pensis ĉiam ankoraŭ kaj trovis neniun klarigon por tio. Ili ja tute ne estis malbonaj, la homoj. Kiom bonintence estis la kampulo! Li diris al la kampulino:

— Se la manĝaĵo sufiĉas por naŭ, ĝi sufiĉos ankaŭ por dek!

Kaj la ĉefservisto, la Lip, kiom ege li amis tiun ĉi! Jam la unuan tagon li diris al la knabo:

— Venu ĉiam al mi, se iu vin afliktas! Mi ne toleros, ke vi spertos malbonon. Sciu, mi ankaŭ iam havis tian bubeton, saman kia estas vi, sed mi ne scias, kie li estas nun! Li ne amas sian patron. — Lip turnis sin kaj fendis lignon. — Jes, tiel estas la vivo, bubo, nur neniam havi malbonan konsciencon! Tiam la infanoj certe estimas kaj amas nin.

La lastan parolon li diris mallaŭte al si enpensiĝe.

Krom Lip ekzistis iu — Manjo — ĉi tiu estis suverena por li, li bezonis ŝian ĉeeston kiel lumon kaj ŝi iris kun li ĉiujn taghorojn — ĝis en liajn noktajn sonĝojn. La beleta infano havis, kvankam tri jarojn malpliaĝa, patrinan superecon por li, kio ŝajnis esti nelerta, timema kaj revema.

Pro liaj knabaj malsaĝeco kaj obstino tiam kaj tiam, ŝi diris nur:

— Foriru, vi, malbona bubo, mi ne plu amas vin!

Kaj daŭris nelonge, li jam hontis.

— Manjo, mi ne plu faros tion, kondiĉe, ke vi iros kun mi en la erikejon.

Jakob havis altan frunton kaj malantaŭ tiu loĝis liaj pensoj. Se li kuŝis ĉe la arbarrando, en ora sunbrilo, li sekvis ilin de komenco ĝis fino. Antaŭ ĉio li volis esti granda, tiam fariĝi kampulo prudenta kaj diligenta kiel Matias Bretebner, labori per lertaj manoj, kaj — se ĉio estos en bona ordo, li kondukos Manjon kiel kampulinon en sian hejmon. Kaj ankaŭ la patrinon, kiun li amis malgraŭ ŝia konduto al li,

Ree ŝanĝiĝis la bildo. Jakob Brunner vidis sin en la pastra ĉambro, — antaŭ li staris pastra figuro kun severa, senama vizaĝo.

— Bubo, mi vokigis vin, ĉar mi volas diri al vi hodiaŭ eksterordinaran! Via patrino estis ĉe mi, malkaŝis al mi sian animstaton kaj petis min, ke mi kompreniqu tion al vi. Ŝi estas bedaŭrinda virino kaj spertis multajn malfacilojn en sia vivo. Vi ja ankoraŭ ne scias ĉion, sed hodiaŭ mi volas tion diri al vi. Sidiĝu vin sur la kanapon, kaj nun atentu! Unue vi devas klarigi al mi, kion vi pensas pri la estonto. La lernejo finiĝis, kaj la Bretebner ne povas vin gardi ĉiam, kaj...

— Jes, mi volonte fariĝos servisto ĉe...

— Ne, ne! interrompis lin la presbitero, vi povas ja celi pli alten, ol tiel! Vi iru en urbon por studi!

— Ha ne! diris Jakob, mi fariĝos kampulo kaj...

— Tio estas ne akceptebla, mia kara bubo, unue, estus domaĝe por vi, ĉar vi estas inteligenta, due, vi ne rajtas fariĝi io alia — via deziro ne estas farebla, vere ne, li diris iom pli milde, vidinte la okulojn de l' bubo, kiuj strange turnis sin al li, tute malfermite, kun esprimo de nevenkebla timo, nekredo kaj sufero.

Kaj tiu timo petegis laŭte kaj klare: Lasu min iri sole miajn vojojn, ne disponu pri mi tiom malmilde!

*(Daŭrigota.)*

*Bonvolu niaj legantoj, kiuj sciigas nin pri ŝanĝo de adreso, aldoni al sia averto sumon da 1 fr. 50 (1 respondkupono).*



# Ĉu vi

*jam ekprovis por gajni la plej belan premion de nia Konkurso ekvarbante dek novajn abonojn?*

---

Serĉante la feliĉon, mi atendas ĝin sub la formo de ĉarma, sana, bonkaraktera, 20-22-jara edzino, kiu scias profesion kaj mastrumadon kaj posedas ĝeneralan klerecon. Doto estas dezirinda. Mi estas fraŭlo 30-jara, pentristo, sana, idealema. Skribu, aldonante ankaŭ vian fotografaĵon, al *Katolika Vivo*, sub la cifero A. P. 20, kiu bv. perados la leterojn. Nepra diskreteco kaj tuja resendo de la fotografaĵo estas honore garantiataj.

Kiu dezirus preni sur sin la taskon de abonperanto en Aŭstrujo? Tiu sin turnu tuj al la administracio de *Katolika Vivo*, kiu sendos klarigojn.

**Parizaj poŝtkartoj** kun esperantlingva teksto: la kolekto (20): 3 fr. fk.
Ĉe nia administracio.

Junaj teologaj studentoj francaj aŭ alilandaj, kiuj estas inklinaj en Esperanto leterojn reciproke interŝanĝi, sin turnu al Pastro Kiessner prefekto de la Bischöfl. Knabenseminar Kilianeum en Miltenberg a. M. (Germanujo).

Katolika Esp,-Rondo deziras korespondi kun gesamideanoj el la tuta mondo. Skribu al S-ro Joz. Swoboda, ul. Pilsudzkiego, 7, en Nowa Wieŝ (Slask) Pollando.

Lertaj korespondantoj estas serĉataj en Pollando, Italujo, Aŭstrujo, Rumanujo, Portugalujo kaj multaj aliaj landoj por *Katolika Vivo*. Petu la kondiĉojn al la redakcio: 10, rue Pergolèse, Paris-XVI.



*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo!*

☆

Tiucele ni sendas al unu sama adreso:

| ekz. | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 5 ekz. | kontraŭ | pago de | fr. fk. | 5.— |
| 10 | — | — | — | 9.— |
| 25 | — | — | — | 20.— |
| 50 | — | — | — | 35.— |
| 100 | — | — | — | 60.— |

Sendu mendojn kune kun mono al nia Propagand-Oficejo: 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. — Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40.



**PARIZAJ SAMIDEANOJ**
**vizitu**
**nian ĉiusabatan**
**kunvenon:**
**10, rue Pergolèse**
**(Métro: Porte-Maillot)**

## Filatelia kolekto

**de 100 diverslandaj poŝtmarkoj**

Afrankita: fr. fk. **10.—**

(Sendu la monon kun la mendo)

KATOLIKA VIVO — FILATELIA FAKO
10, Rue Pergolèse, Paris-XVI

*Ankaŭ interŝanĝas*

## Enlanda misiado en Nederlando

### La unuiĝoj Sankta-Francisko kaj Sankta-Franciskino-Romana

Ĝenerale la vorto « misiado » vivigas en la spirito la ideon de evangeligado inter idolanoj kaj necivilizitaj popoloj en malproksimaj landoj. Ĉiu, kiu tamen scias, vidi iom pli malproksime ol sia propra rondo, konstatos kiom vasta misitereno kuŝas en sia plej apuda najbareco. La konfuziĝo de la spiritoj dum la lastaj cenjaroj rezultis en la nunaj civilizitaj landoj la plej grandajn senreligiecon kaj religian indiferentecon imageblajn. La nuna Eŭropo kalkulas centmilojn da modernaj paganoj, pli malfacile konverteblaj ol la plej degeneritaj idolanoj de Aŭstralio aŭ Afriko. Protestantismo depost la deksesa centjaro dissemis dubon kaj necertecon kaj



La nova patronatejo Sankta-Francisko en Roterdamo

la materialismo de Prud'homme kaj Marx faris la ceteron, precipe inter la malriĉaj klasoj de la popolo.

Ankaŭ en Nederlando la nombro de la senreligiuloj kreskas tagon post tago. Kompreneble ke Protestantismo pro ĝia putriĝo kontribuas la pli grandan parton, sed ankaŭ la katolikaro spertas perdojn. Unu el la plej gravaj faktoj, kiuj ankaŭ en nia lando subfosas la konstruaĵon de la katolika Eklezio, estas la miksitaj edziĝoj, edziĝoj do inter katolika kaj nekatolika partio. Oni kalkulis ke ekzemple en la urbo Hago duono de la edziĝoj de katolikoj estas miksitaj. Precipe en la popolriĉaj urboj kaj industricentroj la nombro de tiaj edziĝoj fariĝas giganta, kaj rezultas daŭran perdon por la katolika Eklezio, ĉar la religia edukado de la infanoj el tiaj edziĝoj ĝenerale tute fiaskas.

Ĉar la ekleziaj ordonoj ŝajne ne kapablas antaŭveni la katastrofon, naskiĝis en diversaj grandaj urboj de nia lando, i. a. Amsterdamo, Roterdamo, Hago, Harlemo kaj Groningen, la unuiĝoj Sankta-Francisko kaj Sankta-Franciskino-Romana, kies speciala celo estas regajni tiun perditan terenon. Sub pastra gvidado laikuloj t. n. « kateĥistoj » penas laŭ modelo de la fama infanzorganto Don Bosco per ludo kaj sporto regajni tiun junularon por la religia vivo kaj tiamaniere enkonduki religian sferon kaj influon en la familioj.

Ke por tio necesas multa pacienco, persistemo, energio kaj laboro oni ne bezonas klarigon.

Tamen la ĝisnunaj rezultatoj, malgraŭ multaj elreviĝoj, estas kontentigaj. Jam estas konataj sufiĉaj okazoj en kiu tuta familio revenis al la Eklezio. Ĉar la junuloj mem kunprenas iliajn nekatolikajn kamaradojn al la kunvenoj kaj la knabinoj iliajn amikinojn, oftfoje okazas konvertiĝoj eĉ de tute nekatolikaj familioj. Krom tio la unuiĝoj prizorgas la fakinstruadon, havigas bonajn librojn, disdonas katolikajn ĵurnalojn kaj penas havigi al siaj adeptoj bonajn konvenajn oficojn.

Regule okazas kunvenoj por la gepatroj, kiuj servas por plifirmigi la ligon inter kateĥistoj kaj gepatroj kaj kie estas oportuna okazo por libere priparoli edukajn kaj religiajn problemojn.

Por plifaciligi la laboron de la kateĥistoj, sed precipe por doni al la junularo propran religian ĉirkaŭaĵon en diversaj urboj jam stariĝis propraj domoj, i. a. en Roterdamo, kie la tria finkonstruiĝis komence de ĉi tiu jaro. Tiu ĉi modela konstruaĵo enhavas sep klubĉambrojn, ĉambron por la pastro-direktoro, kuirejon, grandan salonon, dum la tuta tegmenta etaĝo genie estas aranĝita kiel kapelo.

La aĝo de la adeptoj ĝenerale varias inter 10 kaj 17 jaroj; ili plejparte devenas el la laboristaj klasoj, sed kio estas farebla kun tiu kruda materialo montru al vi ĉi suba malgranda statistiko de la ambaŭ patronatejoj en Groningen, plej junaj el la nialandaj unuiĝoj, post kvinjara laboro.

Ricevis la bapton: 19 knaboj, 10 knabinoj, 11 gepatroj, 12 infanoj inter 4 kaj 9 jaroj.

Edziĝoj kanonikitaj: 10 paroj.

Refaris ilian paskan devon: 19 gepatroj.

Unua sankta komunio: 47 knaboj, 18 knabinoj.

Dio benu ĉi tiun laboron!

J. H. Westen.

## Okaze de ponumera vendado de nia organo

Jam de longe ni incitas niajn amikojn, organizi la ponumeran vendadon de nia gazeto, okaze de esperantistaj kunvenoj.

Kompreneble ni mem organizis ponumeran vendadon en Parizo, ĉe la pordo de la Sorbono, kie okazas la kunvenoj de la Esperantista Rondo de Parizo. Sed ĉio ne iras glate!



Nia pli sindonema stratvendisto

Tiu vendado de katolika gazeto tute malplaĉas al la neŭtralaj estraranoj de la Pariza Rondo. Kaj sinsekve la sekretario, S-ro René Dubois, kaj la prezidanto, S-ro Georges Warnier, alparolis malafable nian vendiston, por protesti kontraŭ la vendado de *Katolika Vivo* sur la strato.

« Tio estas kontraŭ la neŭtraleco de la Pariza Rondo. Kaj kio okazus, se ankaŭ la klasbatala SAT-organo: *Sennaciulo*, sendus vendiston antaŭ la Sorbono? » diris la prezidanto de la neŭtrala Pariza Rondo. Katastrofo, ĉu ne? Certe, nenio! Estus du vendistoj, anstataŭ nur unu. Kaj certe la ambaŭ vendistoj ne interdisputos, ĉar ambaŭ estas ĝentilaj homoj. Eble eĉ ili plifacile interamikiĝus ol kun supozite « neŭtraluloj ».

Feliĉe en Parizo la strato estas tute libera tereno, sur kiu ni daŭrigos la ponumeran vendadon de nia gazeto, okaze de esperantistaj kunvenoj. Tiamaniere kelkaj ekscios pri la ekzisto de *Katolika Vivo*.

La Direkcio.

**L'Intermédiaire:** La Perilo de la instruistinoj, kolegioj kaj familioj. Revuo monata kaj internacia por oficproponoj kaj oficpetoj. Ponumere: fr. fk. 1.—; jarabono: fr. fk. 10.— Adreso: L'Intermédiaire, en Givry, Saône-et-Loire (Francujo).

# Gramofon-diskoj
## kun muzikaĵoj
# en Esperanto

Disko Nº 1 { **La sorĉa fluto,** el la opero de Mozart (kanto).
**La Espero,** himno esperantista (orkestro).

ALIAJ BALDAŬ SEKVOS

Libroj estas bonaj amikoj.
La Himno-disko fariĝu *via bona amikino,*
ĉar ĝi estas fleksebla, belaspekta,
bonsona, ĉarma, daŭre donas ĝojon!

Prezo: Dolaro 1.— afrankite.

*Havebla ĉe « KATOLIKA VIVO » (Gramofon-Fako)*
*10, Rue Pergolèse, Paris-XVI*

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia




## Al la paco pere de la infanoj

Siatempe ni anoncis la enketon de S-ro Paul Chanson entreprenitan en Francujo pri la paco pere de la infanoj.

En la oktobra numero de la revuo *Justice et Paix* tiuokaze S-ro Chanson afable mencias nian informon en K. V., kiu havigis al li leterojn el Germanujo kaj Aŭstrujo. Sed ĉar li tiam ne scipovis la lingvon Esperanto, li unue lernis ĝin. Konsekvence de la enketo estas fondita infana sekcio en la Ligo de la francaj katolikoj por la internaciaj justeco kaj paco.

La infano, kiu aliĝas al tiu sekcio, deklaras voli :

1-e Sindone klopodi por plenumi siajn devojn al sia familio kaj patrujo ;

2-e Neniam ludi militon kun kamaradoj ;

3-e Laŭeble malebligi, ke ili ankaŭ amuziĝos per tiu militludo ;

4-e Kristane akcepti ĉiujn siajn kamaradojn, eĉ fremdlandajn ;

5-e Ami, en la preĝo, ĉiujn Di-infanojn, sen distingo pri raso aŭ lando ;

6-e Helpi la katolikojn en ilia paca laboro.

En tiu sekcio « Al la paco pere de la infanoj » estas akceptataj ĉiuj geknaboj de 6 ĝis 14-jaraj. La kotizo estas nur 20 ct., por ricevi la aliĝilon.

La celo de tiu nova paca societo estas organizi preĝojn, korespondadon kun alilandaj infanoj, interŝanĝon de ludiloj okaze de Kristnasko, ktp. Oni permesos al ni, rimarkigi kiom la internacia helplingvo povas multe faciligi tian korespondadon kaj interŝanĝon, ĉar, kompreneble, geknaboj povos facile lerni Esperanton, dum alia fremdlanda lingvo postulos de ili tro multe da tempo kaj laboro. Tial ni invitas la gvidantojn de tiu asocio, enkonduki Esperanton.

Por aliĝoj de infanoj kaj pluaj sciigoj sin turni al S-ino Jean Prudhommeaux, 4, rue des Fossés-Saint-Jacques, en Paris-V.

Ni esperas, ke niaj francaj legantoj baldaŭ sendos la aliĝon de siaj infanoj al tiu bela movado, kies celo estas la senarmigo de la koroj.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La semajna gazeto *La Vie catholique*, el Parizo, represis, en sia numero de la 7 novembro, la manifeston pacan de la germanaj katolikoj, laŭ *Katolika Vivo*. La francaj ĵurnaloj *La Croix du Nord*, en sia numero de la 29 oktobro, kaj *La République de l'Isère*, en sia numero de la 4 novembro, ankaŭ represis ĝin.

La nederlanda *Echo van het Land van Cuyk* represis ĉiujn aprobajn leterojn de niaj altrangaj protektantoj, en diversaj numeroj, kaj ankaŭ publikigis resumon de la ĉefartikolo de Pastro Ramboux pri la sklaveco en Sovet-Rusujo.

## La francaj katolikoj kaj la radio

De nun ankaŭ franca radio-posteno disaŭdigas speciale katolikajn paroladojn kaj kantojn. Estas la posteno Radio L. L., kies ondolongeco estas 370 metra. La disaŭdigoj, kies titolo estas « Katolika Horo », okazas ĉiudimanĉe je la 17-a. La diversaj katolikaj organizaĵoj en Parizo prizorgos la programon, kiu enhavos paroladon, muzikaĵojn kaj recitaĵojn.

Aldonu ni, ke la religia parolado, jam delonge organizita, en la posteno Radio-Paris, ankaŭ okazos ĉiudimanĉe tagmeze.

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*


Respondeca Redaktoro (*Gérant*) : Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14ᵉ. - Gob. 62-71


# El la Vatikana Urbo

### Papa promenado tra la urbo

Lia Papa Moŝto Pio XI-a elektis la festtagon de ĉiuj Sanktuloj por detale viziti la urbon, kie okazis tiel profundaj kaj grandaj ŝanĝoj de post du jaroj. Oni jam scias ja, ke la nuna reganta Papo mem prizorgis la tutan modernan aranĝon de la Vatikana Ŝtato. De post la Papo Siksto V-a oni ne estas vidinta tian konstru-febron.

La vetero estis somere belega. Je la 11 horo, Abisianoj kaj donis klarigojn pri la historio kaj stilo de la konstruaĵo. La Papo gratulis pro la farita laboro.

La Sankta-Patro tiam iris al la nova tribunalo, ĉe kies sojlo atendis ĉiuj juĝantoj en sia profesia vestaro. Pio XI-a eniris kaj atente rigardis ĉion, eĉ la malliberejon, sed tiam li ne sukcesis kaŝi petolan rideton, ĉar verŝajne ĝi estos ne ofte okupata.

La promenado tra la urbo daŭris per la



Lia Papa Moŝto vizitas la Vatikanan Urbon

Pio XI-a aŭtomobile alvenis al la pordo de la *Zecca*, kie lin atendis la guberniestro de la Vatikana Urbo, S-ro Serafini. La Papo estis simple akompanata de Msro Arborio Mella di Sant'Elia, sekreta kameristo. Lia Papa Moŝto piede marŝis tra la *via delle Fondamenta* ĝis la absido de la baziliko Sankta-Petro, kie li haltis, por ekzameni la arĥitekturajn restaĵojn lasttempe retrovitajn okaze de diversaj laboroj, pri kiuj ni jam parolis en antaŭa letero. Msro Ludoviko Pellizzo, titola ĉefepiskopo de Damiata, ekonomo de la papa baziliko, donis la klarigojn al la Papo, ĉirkaŭata de Komandanto Nogara, ĝenerala direktoro de la muzeoj kaj galerioj de la Vatikano, de Msro Gaetano Malchiodi, komisaro por la publikaj laboroj, Inĝeniero Josefo Momo, Inĝenieroj Castelli kaj de Rossi. La Papo montris intereson al tiuj restaĵoj, kiuj datumas de la fondo de la baziliko.

Poste Pio XI-a daŭris la iradon tra la strato kaj alvenis al la sojlo de la antikva preĝejo de la Abisianoj, kiu estas renovigita. Antaŭe tiu preĝejeto estis ĉirkaŭita de dometoj. Sed lasttempe oni ĝin malobstrucis kaj riparis, por redoni al ĝi la malnovan aspekton. Ĉe la pordo atendis la Papon Msro Caccia Dominioni, ĉambro-mastro, NN. SS. Pizzardo, Ottaviani, Cremonesi kaj Zampini, Prelatoj Migone, Callori di Vignale, Confalonieri, Venini, Mariani kaj Chiapetta.

La kompetenta arĥitekturisto, Profesoro Giovannoni, direktoro de la Supera Lernejo Arĥitektura de Romo, helpata de siaj kunloborantoj Rosi, Busiri kaj Manzia, vizitigis la riparitan preĝejeton Sankta-Stefano de la vizito de la nova mozaikfabrikejo, de la fervoja stacidomo, kie la Papo renkontis Inĝenieron Forziati, direktoron de la fervoja konstruado de la Itala reĝolando, kaj liajn kunlaborantojn, al kiuj li esprimis sian kontenton.

De la stacio Pio XI-a iris al la nova palaco de la guberniestro, vere impona kaj belega konstruaĵo. Alvenante la Papo akceptis la aklamajn homaĝojn de Kardinalo Pacelli, ŝtata sekretario, de Patro Gianfranceschi, direktoro de la radio-stacio, de Patro Stein, kaj de multaj aliaj.

La Papo detale vizitis la guberniestran palacon kaj admiris ĝian taŭgan aranĝon.

Elirinte el la palaco, la Sankta-Patro enaŭtomobiliĝis por fini la promenadon per vizito al la Etiopia Kolegio, la sola, kiu estas en la Vatikana Urbo. Per sia ĝentileco kaj bonkoreco Lia Papa Moŝto montris, ke li estas vere la patro de ĉiuj kristanoj, kia ajn estas ilia raso.

Estis la 14 horo, kiam Pio XI-a reiris siajn privatajn apartementojn.

### Ĉe la sonoriloj de Sankta-Petro

Mardon 3 novembro, Lia Papa Moŝto Pio XI-a iris vespere al la sonoril-turo de la baziliko Sankta-Petro, por inaŭguri la elektran sonoradon. La Papon akompanis Kardinaloj Pacelli kaj Frühwirth, kaj kelkaj kanonikoj de la baziliko.

La ses sonoriloj elektre funkciis antaŭ la Papo, kiu intesese petis detalajn klarigojn pri la instalaĵo.

Petrano.

## Svislando ne volas ignori la Di-nomon

Oni certe scias, ke en Svislando ĉiu kantono estas preskaŭ tute aŭtonoma. Ĝis nun en Ticino, laŭ speciala leĝo, ĉiu oficiala akto komenciĝis per la vortoj : « Je la nomo de la Di-Sinjoro... » Sekve de kontraŭreligiaj manovroj la Supera Konsilantaro, kiu respondas al la Deputat-ĉambro, voĉdonis leĝon, kiu forstrekis la pian komencon de la oficialaj aktoj.

Sed la Ticina Komitato de la Katolika Asocio tuj entreprenis referendumon ; la svisa leĝo permesas ja al iu ajn societo aŭ eĉ al iu ajn civitatano malfermi referendumon. La popola voĉdono okazis, la 1 novembro lasta, kaj ĝi estis triumfo por la kristana ideo. 7.000 voĉoj petis la forigon de la religia esprimo, kaj 17.000 postulis ĝian reston. Se oni komparas tiun ĉi ciferon kun tiuj de la lastaj balotelektoj, oni devas konkludi, ke multaj ne-katolikoj mem petis la konservon de la antikva komenco de ĉiuj oficialaj aktoj. Svislando ne volas ignori la Di-nomon.

Argus.

## Letero el Ĉeĥoslovakujo

### Ĉefepiskopa konsistorio en Praha organizas grandstilan dumvintran helpon al la senlaboruloj en Ĉeĥoslovakujo

Tuj post la eldono de la papa encikliko *Nova impendet,* kunvokis la ĉefepiskopa konsistorio la konferencon de riprezentantoj de la karitataj institucioj, por prepari rapidan helpon. Estis decidite, ke la konsistorio akceptas tutan aferon kiel sian, kaj komisias ĝian gvidon al la ĉefeparĥia ligo de katolika karitato.

La paroĥestroj kaj kredantaro estas postulataj, rigardi la rapidan helpon kiel ordonitan. En tiu ĉi senco estis eldonitaj la devigaj instrukcioj, el kiuj ni eltiras kelke da ideoj.

« La ordono de la Amo, estas la plej granda testamento de la Dia Savanto, kaj samtempe la plej granda dokumento de la amo al Dio ». « Kiu ne amas sian fraton kiun li vidas, kiel li povas ami Dion, kiun li ne vidas ? » (Joh I, 4, 20.)

« La kristana amo ne estas vorta kaj senta amo. Se la frato aŭ fratino estus nuda kaj havus mankon je la ĉiutaga nutraĵo, kaj iu el vi al ili dirus : Iru en paco varmigu vin, kaj satigu, sed ne donus al ili bezonatan nutraĵon por la korpo, kion tio helpus ? Tial eĉ la kredo sen la faroj estas malviva en si mem. » (Jak. 2, 15-17.)

La konsistorio urĝe petas kaj admonas la pastraron, ke ili en ĉi tiu situacio antaŭeniru en fervoro kaj oferemo, donante ekzemplon al la kredantaro, kaj fariĝante la koro de la ŝafaro. En ĉiu paroĥa kaj monaĥeja preĝejo estu, la 15 novembro, dediĉita al tiu ĉi helpo minimume unu prediko, en kiu la kredantaro estu admonita al fruktodona agado en tiu ĉi senco. Lokaj grupoj de « Ligo de katolika junularo » estu per sia centro komisiita per kolektado de la kotizoj, ĉu financa aŭ de diverspeca produktaĵo. La pli riĉa kredantaro estu en la predikoj instigita, ke ĝi akceptadu por la tagmanĝo almenaŭ unu malriĉan infanon, aŭ memorante la vortojn de la sankta Papo Gregorio, ke « la fasto de la pentanto estu nutraĵo por la malriĉulo », rifuzu por si superfluaĵojn en ĉiutaga vivo, kaj per tio ŝparitan monon dediĉu al la karitato. En ĉiu paroĥo la centro de la helpo estu la paroĥa fako de la karitato, aŭ paroĥa oficejo, kien estu deponataj la kolektita mono, produktaĵoj, k. c., kaj de tie estu dividataj inter la bezonantoj.

Dio donu, ke la aranĝoj plenumu sian destinon.

Francisko Kudrna.

## La Benediktanaj bibliotekoj en Aŭstrujo kaj Germanujo

La ŝatata revuo *Studien und Mitteilungen* publikigis statistikon pri la bibliotekoj de la Benediktanaj monaĥejoj en Aŭstrujo kaj Germanujo.

Laŭ ĝi enhavas malpli ol 20.000 volumojn : Eichstatt (5), Trier (14).

De 20.000 ĝis 40.000 : Altenburg (25), Michelbeuern (25), Augsburg (30), Sankt-Lambertus (32), Sankt-Odilien (35), Seckau (35), Neresheim (37), Ettal (37).

De 40.000 ĝis 80.000 : Lambach (40), Ottobeuren (42), Sankt-Paulus en Karintio (42), Scheyern (60), Seitenstetten (60), Maria-Laach (70), Beuron (70), Göttweig (72).

De 80.000 ĝis 100.000 : Melk (83), Salzburg (92), Admont (98), Wien (100), München (100), Kremsmunster (100), Metten (100).

Tiuj ciferoj estas elokventaj. Por 24 monaĥejoj oni atingas 1.377.000 volumojn, kio havigas meznombron de 57.000 volumoj po biblioteko. Oni devas rimarkigi, ke el la citaj monaĥejoj kelkaj estas tute novaj, kiel ekzemple tiuj de Trier kaj Neresheim, kiuj tamen jam posedas bibliotekon kun 14.000 kaj 37.000 volumoj.